6ª. JARO — N.º 7-10 ★ ★ JANUARO-APRILO 1915

# Brazila Esperantisto



OFICIALA ORGANO DE
BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente
REDAKCIO—Praça 15 de Novembro
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO

## B. L. E.

Honora Prezidanto—*Inĝ.º Everardo Backheuser*
Prezidanto—*Inĝ.º Alberto Couto Fernandes*
Vicprezidanto—*D-ro João Keating*
1ª Sekretario—*D-ro João B. Mello Souza*
2ª Sekretario—*Inĝ.º Hernani da Motta Mendes*
Kasisto—*Edmundo Felix Tribouillet*

## ENHAVO



Rio de Janeiro - Brazilio

## B. L. E.

UNUIGO KREAS FORTON

### Regulamento

Art. 1º — Fica fundada uma associação sob o nome "Brazila Ligo Esperantista" (B. L. E.), cujos fins são:

Paragrapho 1º — Dirigir a propaganda geral do Esperanto no Brasil.

Paragrapho 2º — Organizar um regulamento para os exames de Esperanto e dar os respectivos diplomas.

Paragrapho 3º — Auxiliar e colligar os grupos esperantistas.

Paragrapho 4º — Representar a opinião dos esperantistas brasileiros que lhe forem filiados.

Art. 2º — A séde da sociedade será na cidade do Rio de Janeiro.

Art. 3º — A "Brazila Ligo Esperantista" consiste de:

grupos filiados;
socios fundadores;
socios isolados;
socios bemfeitores;
socios honorarios.

Paragrapho 1º — São grupos filiados todos os que, acceitando este regulamento, pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios, á razão de 2$500 cada um.

Paragrapho 2º — São socios fundadores os que se achavam quites em 13 de Dezembro de 1913.

Paragrapho 3º — São socios isolados todos os que pagam uma contribuição annual de 5$000.

Paragrapho 4º — E' socio bemfeitor toda a pessoa que fizer á B. L. E. uma doação de, pelo menos, 200$000.

Paragrapho 5º — E' socio honorario toda a pessoa que prestar grandes serviços á B. L. E. Este titulo será dado por um Congresso Brasileiro de Esperanto.

Art. 4º — A "Brazila Ligo Esperantista" não intervém nas questões que dizem respeito á vida interna dos grupos filiados, que podem livremente agir, segundo os seus estatutos.

Art. 5º — Os socios têm direito:

Paragrapho 1º — Receber gratuitamente o "Brazila Esperantisto", orgão official da B. L. E.

Paragrapho 2º — Tomar parte, pessoalmente ou por meio de procuração, nas assembléas geraes.

Paragrapho 3º — Gosar de abatimento nos livros ou outras publicações feitas pela B. L. E.

Paragrapho 4º — Os grupos filiados podem, gratuitamente, publicar, no orgão official, informações sobre o movimento esperantista local.

Art. 6º — Os grupos, cuja séde não fôr no Rio de Janeiro, podem nomear um delegado, ou delegados, com um total de votos egual ao numero de socios quites.

Art. 7º — A "B. L. E." será dirigida por uma directoria composta de um presidente, um vice-presidente, dois secretarios e um thesoureiro.

Paragrapho 1º — A directoria será eleita durante os Congressos Brasileiros de Esperanto, ou em assembléa geral se houver um intervallo superior a dois annos entre dois congressos.

Paragrapho 2º — O presidente póde escolher auxiliares ou substitutos, conforme a necessidade.

Art. 8º — A directoria é responsavel pelos seus actos perante os congressos, aos quaes apresentará o seu relatorio.

———

As pessoas que desejarem adherir á Liga devem dirigir-se ao Sr. E. Felix Tribouillet, thesoureiro. — Praça 15 de Novembro. O remettente receberá o cartão de socio da Liga.

Quanto á adhesão dos grupos e demais informações, dirigir-se ao Sr. J. B. Mello e Souza, 1º secretario.

## Brazila Ligo Esperantista

Adheriram á Brazila Ligo Esperantista durante o corrente anno mais as seguintes pessoas: *Tercio Rosado Maia*, de Mossoró — Rio Grande do Norte; *Horacio Gomes*, de Jacú — Bahia e *Alvaro de Carvalho*, do Rio.

———

Pedimos insistentemente aos esperantistas isolados e aos Srs. Secretarios dos grupos, que nos enviem sempre noticias sobre o movimento e propaganda nas suas cidades para que as possamos publicar na nossa *Kroniko*.

———

TODOS OS VALES POSTAES E REGISTRADOS COM VALOR DEVEM SER DIRIGIDOS AO SR. E. FELIX TRIBOUILLET, THESOUREIRO DA BRAZILA LIGO ESPERANTISTA.

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

*6-a Jaro* *Januaro - Aprilo — 1915* *Numero 7-10*

| JARABONO | REDAKCIO — PRAÇA QUINZE DE NOVEMBRO | Specimeno 0, fr. 50 (0. Sm. 20) |
|---|---|---|
| En Brazilio 3$000 | RIO DE JANEIRO — BRAZILIO | Num. avulso 300 réis |
| Eksterlande 5 fr. (2 Sm.) | | Helpabono 10$000 |

## TUTPACIFIKA ESPERANTA KONGRESO

### SAN FRANCISKO

---

#### UNUA CIRKULERO

Estimata Samideano:

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La kotizaĵo de la Tutpacifika Esperanta Kongreso estas 10. Sm. Ni rekomendas aliĝi kiel eble plej frue, por ke niaj aranĝoj ne estu malhelpataj. Helpkongresaj kartoj kostas 5. Sm., kaj rajtigas ricevi ĉiujn eldonaĵojn de la Kongreso, la oficialan simbolon, la programojn de la kunsidoj, kaj seriojn da kongresoj kaj San Franciskaj markoj kaj poŝtkartoj kun esperanta teksto.

Pro la granda nombro da kongresoj kaj kunvenoj, kiuj okazos en San Francisko dum 1915, estos necese fari aranĝojn pri loĝado kiel eble plej frue. Ni urĝe konsilas al ĉiu persono, kiu intencas ĉeesti la Kongreson, rezervigi al si loĝejon. Por fari tion, estas nur necese sendi al la supra adreso plenan informon pri la dezirataj ĉambroj kaj la daŭro de restado, kune kun la sumo de 10. Sm., por ĉiu ĉambro, kiel depono. Se la rezervitaj ĉambroj ne estas uzataj je la difinita tempo, la Kongresa Komitato redonos po 8. Sm. Ni ne entreprenas aliajn aranĝojn pri loĝado.

Pluaj cirkuleroj pri la Kongreso aperos de tempo al tempo en «Amerika Esperantisto,» la oficiala organo de la Kongreso. Krome, la cirkuleroj estos regule sendataj al la kongresanoj, kaj al iu ajn laŭ peto. Pluaj ekzempleroj de la "Fakt-Libro" estas ankaŭ haveblaj laŭ peto.

La adreso de la Kongreso estas simple.

ESPERANTO KONGRESO, San Francisco.

---

#### DUA CIRCULERO

GRAVA AVISO. La DEK-UNUA UNIVERSALA KONGRESO de ESPERANTO okazos en San Francisko. Tuj post la apero de nia Unua Cirkulero, venis de Edinburgo la informo, ke la DEK-UNUA ne povos tie okazi. Samtempe la Konstanta Komitato de la Kongresoj en Parizo sciigis al ni, ke, interkonsente kun Edinburgo, oni akceptis nian proponon, okazigi la DEK-UNUAN en San Francisko je la datoj anoncitaj por la Tutpacifika Esperanta Kongreso, kiu sekve de tio estas nuligata.

Nia Kongreso do ricevis la oficialan titolon: DEK-UNUA UNIVERSALA KONGRESO de ESPERANTO kaj niaj komitatoj, helpataj de la Konstanta Komitato de la Kongresoj kaj de la Edinburgaj samideanoj, jam entreprenis kun pliigita entuziasmo la necesajn preparojn por nia grava jarfesto.

Sentante la honoron, kiun ni havos per gastigo de la DEK-UNUA, ni estas ree eklaborintaj, por ke nia kongreso bone meritu sian gravan lokon inter la imponantaj Universalaj Kongresoj de nia movado. La afabla kunlaboro de niaj pli spertaj eksterlandaj samideanoj certigas, ke sukceso kronos niajn laborojn.

Kora Bonveno, gefratoj, vin atendas en San Francisko!

LA KOMITATO.

**LA KONSILANTARO de la OFICEJO de INTERNACIA PACO, kunveninta en BERNE, la 6an kaj 7an de Januaro, 1915, decidis eldoni la sekvantan ALVOKON al la INTELEKTULOJ ĈIUNACIAJ.**

# AL LA INTELEKTULOJ ĈIUNACIAJ

Dum naŭ monatoj antikva Eŭropo spertis ĉiujn teruregojn de senkompara Milito. La korpoj de la plej fortikaj junuloj de ĉiuj militantaj. Nacioj amasiĝas en kadavraj hekatomboj, kaj tiuj regionoj kie oni sin okupis energie pri aferoj industriaj kaj de civilizacio nun fariĝis nur amaso da ruinoj. Milionoj da homoj, kiuj antaŭ nelonge estis aktivaj kaj sanaj kaj feliĉe okupiĝis pri paca laboro fariĝis kaptitoj de la morto, malsaniĝo, kripleco aŭ ili ankoraŭ lace penadas en mizero kaj malespero. Tiuj esperoj kiuj fierigis la Homaron en la komenco de la 20a jarcento malaperis — estas forgesitaj. Instigitaj de malamo kaj kolerego homoj pensas nur kiamaniere ili povas detrui tion kio hieraŭ ŝajnis esti nedifekteblaj monumentoj de senkompara epoko de progreso.

Kaj tamen — lumeto malproksima, necerta espero ekaperas en tiu ĉi sanga kaj tragedia nokto. Venos tago kiam tiu ĉi malfeliĉo devas finiĝi, kiam la racio reaŭdiĝos kaj kiam la homaj konsciencoj reve-kiĝos.

Ni ankoraŭ ne scias kiam venos tiu tago sed, ke ĝi devas veni ni estas certaj. Ĉiam fidi pri tiu tago de liberiĝo eble estas pli grave kaj pli humane ol sanigi la vundojn de tiuj, kiuj nun suferas pro la Milito. Prepariĝi por tiu venonta tago en tiu ĉi tempo de ekscito kaj sango devus esti sankta devo.

Sur vin, scienculoj kaj kleruloj, sur vin, la intelektaj gvidistoj de la Homaro, kies devo estas alte teni la malfaldditan standardon de civilizacio kaj ĝin flirtigi kiel viaj antaŭuloj ĝin flirtigis kun pli granda energio dum la tempoj de malfeliĉo kaj malhumo, sur vin falas tiu ĉi sankta devo, tiu ĉi senlime grava devo, kun potenco al kiu homo malofte submetiĝis en la daŭro de la jarcentoj.

En la nuna momento homoj staras unu kontraŭ alia, plenaj de venĝemo kaj malamo, havantaj unu solan deziron — senkompate disŝiri unu la alian. Nekapablaj taksi la ligilojn kiuj unuigas ilin, ili persiste neas ilin. Sed *vi*, Levidoj de la Scienco kaj Arto, la edukistoj de la Popoloj, esplorantoj kaj elpensantoj, *vi* scias ke ekzistas tiaj ligiloj, kaj ke tuj kiam malaperos tiu ĉi sanga iluzio de Milito nefleksebla leĝo instigos al la nunaj batalantoj serĉi unu la alian — trovi unu la alian.

Tiu scio kiun vi posedas metas sur vin tre grandan respondecon. Estu certaj, ke se vi malatentos ĝin, la Homaro postulos klarigon de via indiferenteco. Atentu vian respondecon kaj estu pretaj entrepreni vian grandan taskon.

Oni ne petas ke vi intervenu por fini la Militon aŭ devigu repaciĝon. Tion fari vi ne havas povon. La Homaro povas eviti militojn sed kiam milito senkateniĝas ĝi tute ne havas povon subpremi aŭ limigi ĝin. Tamen vi povas resti nemakulita de la malamo. Vi povas vin deteni de juĝado kaj kulpigo, denunco kaj riproĉo. Eĉ se via koro superfluas silentu.

Se tamen, vi devas paroli, tiam penadu altigi tiun komunumon inter kiu vi pasigas vian vivon, en kies mezo vi laboris kaj kiu permesis al vi plene ellabori viajn sciencon kaj arton. Ĉar venos tago kiam tiu ĉi komunumo reviviĝos. Kaj ĉiuj kiuj igis ĝin malestimata hontos.

Evitu tiajn bedaŭrojn por vi mem kaj por via popolo. Restu fidela al la Idealo, por ke vi partoprenu en la laboro de reunuiĝo kiu vin atendos post la Milito. Estu kiel la ĉefŝtonoj de la ponto kiuj restas nedifektaj kaj ebligos rekonstruon de da interkomunikiloj spite la penadojn ilin detrui.

Vi eraris pensante ke vi devas partopreni militon kiu nur estas deviga por la militistoj. La alta sento kiu igis vin fari tian paŝon estas komprenebla. Tamen vi devas vidi la danĝeron kiu kuŝas funde de tiu eraro, kaj ĝin forlasu. Por vi la Homaro devas esti pli grava ol la Nacioj: kaj vi pli bone servas la patrolandon servante la Homaron. En la mezo de ĥaoso vi estas antaŭdifinitaj prepari la publikan kaj moralan ordon por la Tago de Paco.

En tiu tago via grava momento estos veninta. Tiam per viaj agoj kaj paroloj vi povos helpi resanigi la hodiaŭ sangantajn vundojn.

BERNE, Januaro, 1915.

Por la Oficejo de Internacia Paco.

H. LA FONTAINE, Prezidanto.
H. GOLAY, Sekretario.

---

# A lingua do Tratado da Paz Internacional

Em que lingua será, no final da guerra, redigida a acta do accordo entre os paizes actualmente conflagrados? Esse documento será um dos mais importantes na historia do mundo. Deverá ser elle um modelo de precisão e de synthese. Nenhuma duvida poderá existir sobre a sua significação. Ha de ser de facil comprehensão para cada uma das altas partes contratantes.

Será acaso redigida em francez, já de ha muito a lingua official de diplomacia? E, em inglez, o mais vulgarisado idioma commercial? Não terão allemães e austriacos igual direito de exigir que seja a germanica a lingua escolhida para ser a interprete dos embaixadores dos paizes belligrantes? Talvez não se queixem os russos, os japonezes ou os servios com

a adopção da lingua de um de seus alliados, porém os turcos poder-se-ão susceptibilisar.

Os norte-americanos terão por seu turno alguma couza para fazer com relação ao trabalho da paz internacional, e talvez, a escolha da lingua a ser adoptada permaneça indefinitivamente em suas mãos. Não darão elles especial preferencia a uma das linguas faladas nos paizes em guerra. Sua natural escolha recahirá sobre a lingua ingleza, que é a official nos Estados Unidos. Mas, ainda que isso encha de contentamento os inglezes, será igualmente agradavel ás outras nações? Que direcção devem seguir os norte-americanos para a conquista de um idioma neutro? Recorrerão á Italia, á Hespanha ou a outras nações?

Eis a occasião opportuna para a adoptação do Esperanto. E' neutro. Reune todas as condições de lingua para tratados entre diversos paizes. E' internacional e já bem conhecido em todas as partes do mundo. E' simples, preciso e logico. E' facil e fielmente traduzivel em outras linguas. E' o idioma da paz. Se os embaixadores ainda não o estudaram, podem ao menos aprender toda a sua grammatica durante a viagem a Haya ou a outra parte onde se realise a reunião. Que nós os esperantistas de todos os paizes saibamos lembrar aos nossos representantes as vantagens do Esperanto para esse fim, e esforcemo-nos para que o tratado da paz seja escripto em Esperanto.

"Para o sabio uma allusão é bastante". — W. M. Page.

(Do "Bristish Esperantist").

---

# Konkurso kun premioj

La monata gazeto «A Trombeta», kies direktoro estas la konata farmiciisto S-ro Carlos M. da Costa Cruz, malfermis interesan konkurson kun belaj premioj, kiu konsistis el traduko en unu el la ĉefaj lingvoj de serio da esperantaj vortoj bone elektitaj. Tiu ĉi konkurso estis organizita de la klera esperantisto d-ro Nuno Baena kaj al ĝi povus konkuri esperantistoj kaj ne esperantistoj.

La sukceso estis granda, ĉar ni vidis inter la konkurintoj multaj nomoj de personoj, kiuj nune eklernis Esperanton.

Jen estas la nomoj de la 13 feliĉuloj: João Henrique Silva — *Rio Grande do Norte*; Paulo Xavier da Silveira — *Campinas, S. Paulo*; Nelson Baena de Miranda — *Rio*; Lauro de Abreu Coutinho — *S. Pedro de Alcantara, Minas Geraes*; f-inoj Albertina Bento Xavier kaj Haydéa Franz — *Pelotas, Rio Grande do Sul*; Wersingetorix Vieira Pires — *Cataguazes, Minas*; Carlos da Fonseca e Alvaro Bustamante de Oliveira — *Rio*; f-ino Arzelinda B. Cassal — *Pelotas*; Dr. Methodio Maranhão — *Goyana, Pernambuco*; João da Silva — *Rio* kaj Walter Franz — *Pelotas*.

---

## Brazila Gazetaro kaj Esperanto

Jen estas la listo de la de ni ricevitaj brazilaj gazetoj kaj revuoj, kiuj dum la 2ª. duonjaro 1915ª publikigis artikolojn kaj informojn pri Esperanto.

**Maranhão.** — *A Pacotilha, Diario Official* kaj *O Martello* (S. Luiz), *O Norte* (Barra do Corda).

**Piauhy.** — *Diario do Piauhy* (Therezina).

**Ceará.** — *A Estrella* (Aracaty).

**Rio Grande do Norte.** — *A Republica* (Natal), *Commercio de Mossoró* (Mossoró).

**Pernambuco.** — *Gazeta de Pesqueira* (Pesqueira).

**Sergipe.** — *Correio da Semana* (Itabayana).

**Bahia.** — *Diario de Noticias, O Theosophista* kaj *A Bahia* (S. Salvador), *O Conservador* (Nazareth).

**Stato Rio.** — *Gazeta da Manhã, Fluminense, Diario Fluminense, Tribuna*, (Nictheroy), *Aurora* (Valença), *Ribeironense* (S. José do Ribeirão).

**S. Paulo.** — *O Clarim* (Mattão).

**Paraná.** — *Monitor Espirita* (Coritiba).

**S. Catharina.** — *O Astro* (S. José).

**Rio Grande do Sul.** — *Eternidade* (P. Alegre), *Correio Mercantil* (Pelotas), *O Brasil Philatelico* (Cachoeira), *O Ijuhyense* (Ijuhy).

**Minas Geraes.** — *Folha Academica* kaj *Diario de Minas* (B. Horisonte), *Alavanca* (Santa Maria), *Correio do Araxá* (Araxá), *O Teixeirense* (Teixeiras).

**Rio de Janeiro.** — *O Imparcial, Jornal do Commercio, O Paiz, Correio da Manhã, Gazeta de Noticias, Jornal do Brasil, A Noite, A Rua, A Noticia, Republica ,União Postal, Gazeta Suburbana, A Epoca, Revista da Semana, Correio da Noite, O Fon-Fon, A Lanterna, A Noticia Suburbana, O Malho, Jornal do Commercio da Tarde, Nova Comedia, Careta, A Tribuna.*

## Grava ! !

## BRAZILA TELEGRAFO KAJ ESPERANTO

**Regularo de la Nacia Telegrafo aprobita de la Dekreto nº 11.520, de la 10ª de Marto de 1915.**

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Artikolo 32. § 1ª *Lingvaĵo klara estas tiu, kiu prezentas kompreneblan sencon en unu aŭ kelka el la sekvantaj lingvoj: portugala, franca, angla, germana, hispana, itala, holanda, latina kaj* esperanto, *povante esti postulata de la ekspedanto, sen supertakso, la deklaro, sur la autografo, de la lingvo en kiu estas redaktita la telegramo.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

**Regulamento do Telegrapho Nacional approvado pelo Decreto nº 11.520 de 10 de Março de 1915.**

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Art. 32. § 1º. *Linguagem clara é a que apresenta sentido comprehensivel em uma ou alguma das linguas seguintes: portugueza, franceza, ingleza, allemã, hespanhola, italiana, hollandeza, latina e* esperanto, *podendo ser exigida do expedidor, sem accrescimo de taxa, a declaração, no autographo, da lingua em que está redigido o telegramma.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

## FRAZARO

C — Plezura revido, S-ro F.! Ĉu vi sanas?

F — Kontentige. Laŭ mi vidas, via farto estas bona .

C — Jes, bona, mi dankas. Ĉu s-ro B. enestas?

F — Li ankoraŭ ne venis. Mi pensas, ke li ne malfruiĝos. Ĉu vi volas atendi lin?

C — Jes. Li havas ion por diri al mi, kaj sen prokrasto, laŭ la diro de s-ro A.

F — Bonvolu sidiĝi. Por pasigi la tempon, jen estas la lastaj numeroj de esperantaj revuoj. Se vi preferas, ni interparolados.

C — Danke. Mi ne deziras malhelpi vian laboron.

— Prazer em tornar a vel-o, sr. F. Passa bem?

— Satisfactoriamente. Pelo que vejo, a sua saude é boa.

— Sim, é boa, obrigado. O sr. B. está?

— Ainda não veiu. Penso que não demora. Quer esperal-o?

— Quero. Elle tem alguma coisa a dizer-me, e sem tardar, segundo diz o sr. A.

— Queira sentar-se .Para matar o tempo, ahi tem os ultimos numeros de revistas de Esperanto. Se prefere, porem, conversaremos.

— Obrigado. Não desejo perturbar o seu trabalho.

N. B.

## Nekrologo

### Vicgrafo S. Valentim

La 9an de Marto mortis en Rio la malnova kaj okdekjara esperantisto Vicgrafo S. Valentim. Li partoprenis kun granda entuziasmo nian 1an Kongreson de Esperanto kaj multe korespondadis kun eksterlandaj samideanoj. Al d-ro Zamenhof li skribis pri la enkonduko de la vorto "Saŭdado" en la esperantajn vortarojn. Liaj filinoj, tre konataj verkistinoj, estas simpatiaj al Esperanto.

Al lia familio niajn kondolencojn.

## SOLA

Sur placo bruega, amaso da homoj
Ĝojas kaj ridas
Kontente.
En kaĝo fermita la birdoj pepetas,
Turnas, returnas
Petole.

Odoraj kaj belaj ekfloras la arboj:
Rampas la vermoj
Agemaj.
De fortepiano agorda per tremo
Vibras aero
La pura.

De ĉio, de ĉie, de l'tero ĉielen
Bruas la vivo
Ridanta.
Silenta, malĝoja, en mez' de feliĉo
Mortas sopire
Mi sola!

*La Forgesito.*

---

## LA VIRINO EN LA MILITO

Pensu, reĝo,
Pri mi kaj mia sorto! La batalo
Rapide decidita eternigas
La viron; se eĉ falas li, la kanto
Lin gloras. Tamen la senfinaj larmoj
De la restintoj, de virin' amata,
Ne estas kalkulataj; la poeto
Silentas pri la miloj de la tagoj
Kaj de la noktoj, kiam orfigita
Animo vane vokas la perditon,
Silente konsumiĝas, sopirante,

*Ifigenio en Taŭrido.*

---

## LA ARBO

*(Coelho Netto.)*

Ne, mia filino, la arbo ne estas sole la ornamaĵo de la tero, jen floranta, jen fruktohava: ĝi estas la purigilo de la aero, kiun ni spiras, la garantio de la fonto, kiu fluadas por nia soifo kaj por la akvumado de la plantaĵoj.

Dolĉe movante siajn branĉojn, ĝi laboras kiel ŝpinistino de la suno: ricevante sur la branĉaron la varmegajn radiojn, ĝi elfadenigas ilin en agrablan varmon, protektante tiamaniere tiujn, kiuj eniĝas en ĝian ombron.

Ĝi estas medicino kaj estas beleco, ombrumante apud nia loĝejo, kaj ĝi estas ankaŭ konfidato pri niaj bedaŭroj kaj ĝojoj, kiam, sub ĝiaj branĉoj, ni rememoras saŭdadojn aŭ konstruas en songo.

Tiel estas la arbo vivanta.

Malviva, ĝi estas ĉio: la komenco kaj la fino: lulilo kaj ĉerko, kaj, inter tiuj du ekstremoj ĉio estas arbo, — la domo kaj la templo, la lito kaj la altaro, la veturilo, kiu estas trenata sur la kulturitaj teroj, la ŝipo, kiu sulkiĝas la murojn, la tenilo de la fosilo, la stango de la lanco kaj tiomaj, tiomaj aliaj instrumentoj de la vivo.

Mortigi arbon estas elsekigi fonton.

Kie oni detruas la arbarojn, tie etendiĝas la senkultura dezerto — resekiĝas la tero, la riveroj malgrandiĝas, malaperas la bestoj.

Tiel la arbo, estante beleco, estas samtempe la garantio de la vivo.

Tradukis.

*Consuelo Meneses Paes*

---

## LA SAŬDADO

*(Julia Lopes de Almeida.)*

Ili sin renkontis ĉe l' sojlo, haltis kaj rigardis unu la alian.

Tiu, kiu eliris, surhavis blondan karligon, ligitan per la simbola floro de l'oranĝarbo, diafanan tunikon kaj nudajn piedojn, malgrandetajn, rozkolorajn...

Tiu, kiu eniris, venis larmplena, trenis longan mantelon, pezan kiel la malgajeco kaj blankan kiel la ermeno.

Kial vi eniras? demandis la unua.

Kial vi eliras? parolis la alia.

Kaj ili kruciĝis.

La Espero ekflugis, foriris kaj la Saŭdado, kun la okuloj tute larmplenaj ekmansignis al ŝi por ke ŝi revenu; sed la feliĉega forflugantino malaperis en la nuboj.

Tiam la alia, la malgaja, ekeniĝis iom post iom en la fondon de tiu mistera loĝejo—la koro.

Tradukis.

*A. Couto Fernandes.*

## HUMORAĴOJ

— Oni diris al mi ke vi donos al via filino artan edukadon?

— Tio estas vero. Mi lernigos al ŝi la kanton.

— Kaj, kial ne la pentradon?

— Tute ne. La pentrado eluzadas grandan kvanton da paneloj, inkoj, penikoj, k. t. p., dum la kantado nur konsumas la orelojn de la aliaj.

—

Sur altmaro dum terura uragano.

— Ha! S-ro vikario! diras la komandanto de l'vaporŝipo, ŝajnas al mi ke post malmultaj minutoj Via Moŝto estos en la ĉielo!

— Dio min liberigu je tio! tuj respondis la vikario.

C. V.

## ETERNAJ REMEMOROJ

*(Luiz Guimarães Filho.)*

Ŝiaj manoj ekstremis inter la miaj, — ŝiaj manoj iomete malsekaj, veluraj, plenaj je naiveco kaj teruro! Havis timon la bedaŭrinda kreitaĵo, — timon! La nokto nin ĉirkaŭis per ĉiuj siaj misteroj kaj ĉarmoj; sub la teraso, kie ni estis, ĝemadis la akvo inter la mirtoj, kaj la lampiroj disetendis la melankoliajn flugilojn...

Ŝi estis ĉasta, kvazaŭ Dio ŝin estus forminta en tiu momento. Ŝi pensis nek pri la estonteco, nek pri la vivado.

Ŝirmita per la vualo de la ĉasteco, ŝi ridetis al mi, kiel la bildo de la Virgo tra la nuboj de la bonodorfumo.

Ŝi estis nomata...

Unu jaron poste, mi ŝin renkontis ree en plena vespe esto, trenantan la tunikon de la riĉegeco, kun la frunto kronita per rubenoj kaj perloj, la brusto malaperanta sub stelaro da diamantoj.

Ĉarma knabino!

La Gracioj kaj la Anĝeloj flugis ĉirkaŭ ŝiaj haroj, kaj la keruboj de la amo lokiĝis en ŝian ravegan buŝon. Kiam, alproksimiĝinte al ŝi, mi eldiris ŝian nomon...

Mi ŝin amis vere! kiel oni amas dum la juneco, kiel oni aspiras kaj deziras meze de la plej vivegaj esperoj! Estis mia talismano tiu karesema kaj blanka mano; estis la orkestro de mia animo tiu dolĉa kaj pura voĉo; estis mia unika feliĉo, esence unika, la rideto de ŝiaj lipoj aŭ la kristala larmo de ŝiaj revemaj okuloj.

Volonte mi liverus sangon kaj animon al la inferaj furioj, se tiamaniere mi povus, eĉ unu momenton, kisi la randojn de ŝia evitema vesto, kaj surgenui ĉe ŝiajn piedojn. Tio estis amo profunda, kiel la ĉielo, kaj nekontraŭstarebla, kiel la maro.

Ŝi estis nomata...

Diablo! mi jam ne rememoras ŝian nomon!

Elportugaligis.

*Norma Reis*

## RUZA JUĜISTO

Petro kaj Paŭlo aperas antaŭ la juĝisto. Tiu ĉi alvokas Petron, ke li eldiru sian plendon kontraŭ Paŭlo.

PETRO. — Mi estis en amika interrilato kun Paŭlo. Antaŭ unu jaro mi devis forvojaĝi el tiu ĉi urbo. Tiam, antaŭ ol foriri, mi transdonis al li mian ĝistiaman ŝparaĵon, dudek ormonerojn, por ke li gardu ĝin dum mia foresto. Nun mi revenis el mia vojaĝo, kaj mi petis de li mian monon. Sed li rifuzas....

PAŬLO. — Sinjoro juĝisto, tiu ĉi homo ne diras veron. Li mensogas. Li estas maljustulo, senrajtulo, ĉarlatano, trompisto. Li neniam donis al mi monon.

LA JUĜISTO *(al Petro)*. — Ĉu vi havas atestantojn?

PETRO. — Ne, sinjoro juĝisto. Ni estis bonaj amikoj kaj mi plene fidis en li. Neniu atestanto ĉeestis tie, kiam mi transdonis al li mian monon, sub unu kverko....

PAŬLO. — Malveraĵo! Mi nenion scias pri lia vojaĝo, nek pri lia mono, nek pri tiu kverko.

LA JUĜISTO *(al Petro)*. — Vi asertas, ke vi transdonis al Paŭlo la monon sub unu kverko. Paŭlo neas tion. Sed se via afero estas justa, tiu kverko faros ateston por vi. Alportu do tien ĉi unu folion de tiu kverko. Iru tuj. *(Al Paŭlo)* Kaj vi, sidiĝu kaj atendu tie ĉi la revenon de Petro kun la kverkfolio.

PAŬLO. — Ĉu mi atendu lian revenon tie ĉi? Ho, mi preferus reiri hejmen kaj reveni post kelkaj horoj. Ĉar sciu, sinjoro juĝisto, ke tiu kverko estas pli ol unu mejlon malproksime de la urbo, kaj Petro certe ne revenos antaŭ la vespero.

LA JUĜISTO. — Ha! vi do konas *tiun* kverkon... Tre bone; jen ĝi jam faris ateston...

Kaj la juĝisto kondamnis Paŭlon kaj devigis lin repagi la dudek ormonerojn al Petro.

*El hungara, laŭmemore esperantigis.*

PAUL DE LENGYEL.

(El « Juna Esperantisto ».)

## KRONIKO

**Rio Grande do Norte.** — En *Mossoró* S-ro Targino Soares daŭrigas propagandi nian lingvon. Li malfermis kurson de Esperanto en la loka gazeto "A Escola" kaj sciigis nin ke baldaŭ li starigos grupon kun la helpo de "Komiza Unuiĝo", kie li intencas fari kurson.

**Sergipe.** — La 10an de Februaro estas remalfermitaj la kursoj de Esperanto sub la aŭspicioj de "Esperanta Klubo de Aracajú".

**Ŝtato Rio.** — La gazeto de Sapucaia enpresas ĉiunumere senpagan anoncon pri la "Esperanta ŝlosilo". Dankon!

**Rio de Janeiro.** — La 29an de Decembro "Brazila Esperantista Klubo" elektis novan estraron por la jaro, 1915a. Jen ĝi estas: prez. s-ro Carlos Vellozo; vicprez. s-ro Octavio Macedo; 1a sek. s-ro Giovani Leone; 2a sek. s-ro Radamés Moreira kaj kas. s-ro Alvaro Valente.

— La gazeto "A Trombeta" malfermis tre interesan konkurson kun belaj premioj inter la esperantistoj, pri kiu ni detale priparolas aliloke.

— La revuo "A Guerra Européa" aperigis artikolon de s-ro Arminio de Moraes pri la aktuala temo "La Milito kaj Esperanto".

— "Gazeta Suburbana" publikigis la portreton de nia bona samideano, d-ro José A. Boiteux, inda ĝenerala sekretario de Societo de Geografio de Rio de Janeiro.

— Aperis en "Tico-Tico" (no 499), revuo por infanoj, komedio de propagando de Esperanto, sub la titolo "La Surprizo", skribita de nia samideano s-ro Luiz Perdigão, kiu estas nun en Maranhão. Ĝi povas esti ludata nur de 2 infanoj.

— S-ro Arminio de Moraes malfermis ĉe Federação Espirita Brazileira kurson de Esperanto kiu funkcias ĉiumarde je la 6a vespere.

— La 11an de Aprilo ĉe la Restoracio en Leme okazis la 19a kunveno de "Virina Klubo". Post la kunveno oni promenis tra la belega marbordo, kiu estas la admiro de ĉiuj vizitantoj.

**S. Paŭlo.** — La tre konata esperantisto de *Campinas* d-ro J. Kieting gvidas kurson de Esperanto en "Instituto Cezario Motta", kies direktoro li estas. Unu el liaj lernantoj gajnis la duan premion de konkurso de l'gazeto, "Trombeta".

"A Tribuna" de *Santos* publikigis artikolonde S-ro Zozimo Lima pri "Esperanto en la milito" kaj alian de s-ro Ary Cruz titolitan "Pri Esperanto". En "Gremio 11 de Agosto", sidejo de *Akademio de Komerco* okazas kurso de Esperanto gvidata de s-ro Clarindo Gonçalves. S-ro Luiz Paes faras privatajn kaj perkorespondadajn kursojn.

**Santa Catharina.** — La framasona gazeto "Oriente", en *Florianopolis*, propagandas Esperanto kaj aperigas ĉiunumere senpagan anoncon pri Brazila Esperantisto. Dankon!

**Rio Grande do Sul.** — S-ro José P. Franz, fervora esperantisto, bone propagandas nian lingvon per artikoloj titolitaj "Erarparolo" en la ĵus aperinta semajna gazeto "A Lanterna", en *Pelotas*.

**Minas Geraes.** — Nia fervora samideano s-ro Zozimo Lima estas nun en *Uberaba*, kie li renkontis multajn esperantistojn, kiuj intencas devone grupiĝi kaj lin promesis helpi la direktoro de la loka ĵurnalo "Lavoura e Commercio".

A. C. F.

---

## O Esperanto no Estrangeiro

Recuperando a calma perturbada pela deploravel conflagração européa, os esperantistas comprehenderam que, em logar de perderem tempo em lastimar-se inutilmente, deveriam encarar serenamente a situação, e continuar a propaganda theorica e pratica do Esperanto. E eil-os em campo, adaptando-se ás circumstancias. Não se realizou o congresso pacifico de Pariz, a que deviam comparecer approximadamente cinco mil congressistas, mas realiza-se a sanguinolenta reunião de povos de diversas raças e nacionalidades diversas. Porque não aproveitar essa reunião forçada e por meio do Esperanto lançar a mancheias a semente da paz? Porque não divulgar o Esperanto ao explodir das minas e ao rebrilar do aço?

E' o que estão fazendo os pertinazes propagandistas. O trabalho continúa ininterrupto, e a fé no successo pleno arraiga-se cada vez mais intensa.

Longe dos campos de batalha, organisam-se congressos: o 8o. dos Esperantistas da Grã-Bretanha, em Bath; o 7o. Congresso Esperantista Belga, em Bath tambem, por não ser possivel realizal-o na Belgica, e o 11o. Congresso Universal de Esperanto, em S. Francisco da California, de 22 a 29 de Agosto do corrente anno. Este ultimo devia reunir-se em Edinburg, mas a lamentavel situação internacional obrigou a Commissão Organisadora a aceitar o convite da Exposição do Panamá, e á realizar o Congresso n'aquella cidade do Pacifico.

**Inglaterra.** — Já foi entregue á Cruz Vermelha Belga o automovel para serviço da linha de fogo. Offereceu-se para servir como chauffeur d'este automovel o Sr., Harold Clegg., secretario da The British Esperanto Association. A importante associação londrina continúa a receber donativos e a esforçar-se para mandar o "Esperanto nº. 2".

**Russia.** — O ministro do Interior, de accordo com o ministro da Instrucção Publica, julgou inopportuna a organização do Congresso Pan-Russo de Esperanto, por causa da situação em que se encontra actualmente o imperio moscovita. — A uma rua de Sloboda foi dado o nome de Esperanto (Esperantskaja). — Em Astrakan foi aberto um curso de Esperanto no Club Commercial. Os membros do Club pagam 1 rublo, e os estranhos, 2. — No curso do Seminario Episcopal comparecem ás aulas 22 seminaristas. — Nos campos de concentração faz-se propaganda activa, e grande numero de allemães procuram entender-se com os russos, empregando o Esperanto.

**Belgica.** — Fundou-se o Grupo dos Actores de Antuerpia. A recita inaugural foi adiada por motivo da guerra. — O 7º. Congresso Esperantista Belga realiza-se em Bath, na Inglaterra.

**Hollanda.** — Por iniciativa da Amsterdama Societo Esperantista, o Sr. H. Blok, de serviço na guarnição de Helder, abriu uma secção no jornal "Soldaten-Courant". Como consequencia, recebeu 2.500 pedidos de chaves de Esperanto. — O Sr. J. van Uden, de Hellevoetsluis, conseguiu inscrever 30 alumnos no curso que iniciou para militares a bordo do navio de guerra "Buffel".

**Allemanha.** — Os grupos de Berlin, Dresden, Eckenforde, Hamburgo, Stuttgart, Lübeck, continuam a funccionar regularmente. — Em Breslau fundou-se, sob o titulo *La Interna Lumo* uma reunião de esperantistas cégos. — *Esperanto-Societo*, de Zittau, funcciona regularmente. — Reappareceu "Mitteilungen", orgão da Nordalbinga Esperanto-Ligo. O Sr., Böbs, redactor, concita os esperantistas a não abandonarem os seus postos de combate, á espera da paz, a que visitem os clubs, e a que assignem e paguem as gasetas esperantistas. — Em Augsburgo, o professor Dr. Ledermann disse em um discurso que os esperantistas deveriam aproveitar a opportunidade que lhes offerece a guerra para provar aos governantes que o Esperanto tem um valor pratico real, obrigando-os a prestar mais attenção ao Esperanto. — Em Wiesbaden o Esperanto-Grupo semanalmente reune-se e lê o livro "For la batalilojn!" (Abaixo as armas!) — A auctoridade militar de Zossen permittiu offialmente o uso do Esperanto na correspondencia com os prisioneiros de guerra. — O grupo de Bromberg reune-se todas as semanas e a essas reuniões comparece sempre o Sr., Grabowski, de Varsovia. — Em Leipzig fazem-se regularmente traducções, para o Esperanto, das noticias fornecidas pelos estados-maiores allemão, austriaco e turco, as quaes são remettidas para 25 paizes estrangeiros. — Em Rostock o Sr., A. Kolčin, russo, foi feito prisioneiro de guerra quando se dirigia para seu paiz. Depois dos primeiros dias de consternação, resolveu aproveitar o tempo de captiveiro ensinando Esperanto. Organizou um curso em que se inscreveram quinze prisioneiros, que apprenderam a lingua em 10 semanas de captiveiro. — Em diversos campos de concentração o tempo vae passando amenizado pelo estudo e reuniões esperantistas.

**Hungria.** — A propaganda continúa a ser feita, visando de preferencia os feridos da guerra, proporcionando-lhes com o estudo do Esperanto uma distracção util e agradavel — Iniciaram-se conferencias no meio operario. O Sr., Cseh prevê que depois da guerra se fará intensa emigração para todos os paizes, e que é intuitivo a grande vantagem do conhecimento do Esperanto.

**Austria.** — Novos cursos e conferencias, principalmente para operarios e commerciantes. — A *Austria Katolika Ligo Esperantista* continúa a realizar as suas reuniões semanaes no café "Siller". Neste local funccionam cursos elementares e de aperfeiçoamento. — Em Vienna os membros da 1ª União Esperantista reunem-se todas as sextas-feiras.

**Portugal.** — No dia 9 de Abril a Lisbona Esperantista Societo elegeu sua nova directoria, que ficou assim constituida: Pres. Sr. Antonio Andrade, Sec. Sr. Jorge Saldanha Carreira e Thes. Sr. Adelino de Carvalho.

**Persia.** — Em Tabriz existem 300 esperantistas, segundo estatistica incompleta. — A propaganda na Persia encontra um embaraço facil de vencer: a falta de livros didactivos na lingua do paiz.

**India.** — Em Simla fundou-se ha pouco um grupo curioso; consta de 3 membros: pae e duas filhas. O grupo já iniciou uma viva propaganda. Simla é uma cidade situada a 8.000 pés de altura, no centro da India.

**Africa.** — Em Durban (Natal) foi iniciado um novo curso. Submetteu-se a exame, sendo approvado, um membro de um outro curso, pelo jury das Camarcas Reunidas do Commercio. Este caso é notavel por ser a primeira vez que se dá semelhante facto auspicioso.

**Australia.** — *O Komerca Klubo*, de Melbourne, constata que, apesar de todas as difficuldades, realizaram-se consideraveis progressos no desenvolvimento do Esperanto. — Uma das sessões d'este club teve por fim promover uma reunião destinada a angariar fundos para a Cruz Vermelha, tendo-se obtido uma somma consideravel. — O "Grupo Espero", de Mont Albert, Vic. composto exclusivamente de senhoras, realizou durante o anno findo, 32 proveitosas reuniões. — Em Wellington fundou-se um novo grupo, a que se filiaram alguns estrangeiros.

N. B.

## Bibliografio

Ni ricevis kaj tre dankas:

LA TAGIĜO. Kanto Esperantista. Originale verkita de *Antoni Grabowski* Muziko de Baranski 2ª preso laŭ permeso de l' aŭtoro. Prezo Sm. 0,125. Eldono de J. L. Bruijn, Hago (Nederlando.)

TRA LA JARO. — Esperantaj lecionoj por komencantoj de L. E. Waddy. Dent's modern language series. Tole bindita, kun 4 bildoj koloritaj, prezo, 0,75 Sm. London: J. M. Dent & Sons, Ltd. Aldin Hause, Bedford St., W. C.

SALAJRO. Rakonto kun epilogo. El la rusa lingvo tradukis Timoteo Ŝĉavinski. Nº., 5-6 de la Rusa Biblioteko. Librejo "Esperanto" Moskvo, Ruslando. Prezo: Sm. 0,20.

RUSLANDA ADRESARO. — Volumo unua. Librejo "Esperanto", 26, Tverskaja, Moskvo. Ruslando. Prezo: Sm. 0, 40. Ruslando. Prezo: Sm. 0, 40.

ESPERANTA GVIDLIBRO DE GENOVA. Eldonita de la *Genova Esperanto Unuiĝo*. Poŝtkesto 922. Genova, Italujo.

GVIDFOLIO TRA KLADNO, reĝa mineja urbo. Eldonita de I. esperantista klubo "Dro Zamenhof", por akceli vizitadon de fremduloj al Kladno sub aŭspicioj de U. E. A. — Tyrŝova ulicé 983, Kladno. Aŭstrio.

---

## Novaj gazetoj ricevitaj

**Internacia Bulteno.** — Duonmonata informilo pri la milito. Administracio: Internationale Korrespondenz Argus, Berlin S 59. Germanujo. Ĝi estas senpage sendata al interesemuloj kaj gazetoj en eksterĝermanaj landoj.

**Bulletin d'Information Esperantiste** publié par un comité d'amis de l'Esperanto. Redaction et Administration: Office Central Esperantista. 51 rua de Clichy, Paris. France.

—

Reaperis:

**Japana Esperantisto.** Internacia revuo. Oficiala organo de Japana Esperantista Asocio, fondita en 1906. Redakcio kaj Administracio: Haraĵiku, Tokyo, Japanujo. Jarabono: 1 Sm.

## Korespondado

KAPITANO ANTONIO PINHO, *Belmonte, Bahia*, deziras interŝanĝi poŝkartojn, kiu ajn la temo.

La anoj de GRUPO ESPERANTISTA "COUTO FERNANDES", *Rua Collares Moreira, 116, S. Luiz, Maranhão*, deziras interŝanĝi poŝtkartojn.

NOTO. — Enskribo en ĉi tiu fako kostas $400 aŭ 0,20 sm, ĉiufoje.

Ni akceptas respondkuponojn aŭ transpagilojn de la Ĉekbanko.

---

Typ. Gomes Irmão & C.—Assembléa, 32